

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (11) 3/2010, julio 2010

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 7an de julio 2010 kompare kun la versio de la 8a de aprilo 2010.

## La ĉefaj projektoj

**Instr-E** La duasemestra Esperanto-kurso, komenciĝinta la 2an de februaro, finiĝis la 11an de majo. La fina kaj ripara ekzamenoj okazis je la 18a kaj 25a de majo. La kurso estis pli intensiva ol antaŭe kun pli da atento al lingvoteoriaj aspektoj kaj al plena integrigo de la materialo de *Poŝamiko* en la kurson. Ĉi-sube montriĝas la fina tabelo kun la rezultoj de la 15 komence registritaj studentoj. Tri el ili malaperis dum la kurso, kio rezultigis la diversajn nulojn en la tabelo. La restintaj 12 sukcesis kun notoj inter 6,5 (studento pri la germana) kaj 9,2 (studento pri fiziko).

**Vak** **AD7671 Esperanto**

| | St. Nr. | Naam | Richting | toets t1 | Tent. T1 | toets t2 | Tent. T2 | Gemidd. | Herkansing | Eindcijfer |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | 2 maart | 23 maart | 20 april | 18 mei | | 25 mei | |
| 1 | 5821207 | Boersma, Folkert | TW | 0,0 | 0,0 | 0,0 | 0,0 | 0,0 | - | 0,0 |
| 2 | Contr. | Dulmus, Evelien | BA Nederl. | 8,8 | 0,0 | 5,8 | 0,0 | 3,7 | - | 4,0 |
| 3 | 0350192 | Fakhrislamova, Luba | Engels | 8,2 | HK 25 mei | 8,2 | 4,9 | N.v.t. | 8 | 7,0 |
| 4 | 5743133 | Graaf, Arjan de | Natuurkunde | 10,0 | 9,8 | 8,2 | 8,9 | 9,2 | - | 9,2 |
| 5 | 5948622 | Klashorst, Noë van de | Engels | 9,4 | 9,5 | 10,0 | HK 25 mei | N.v.t. | 6,5 | 8,5 |
| 6 | 5755662 | Koman, Lisa | Engels | 9,4 | 9,5 | 8,2 | 8,8 | 9,0 | - | 9,0 |
| 7 | 5885442 | Laan, Martijn van der | Engels | 5,2 | 2,7 | 1,0 | 3,5 | 3,1 | 7,2 | 7,0 |
| 8 | 5743052 | Milanovi, Zowi | Politicologie | 10,0 | 9,2 | 10,0 | 9,1 | 9,6 | - | 9,6 |
| 9 | 6125425 | Molenaar, Frank | Rechten | 10,0 | 10,0 | 0,0 | 0,0 | 5,0 | - | 5,0 |
| 10 | 5622573 | Nonnekens, Patrick | Duits | 5,2 | 8,9 | 6,4 | 5,5 | 6,5 | - | 6,5 |
| 11 | 0331406 | Schlösser, Sabrina | Engels | 7,0 | 8,6 | 1,0 | 5,6 | 5,6 | 8,1 | 8,0 |
| 12 | 5740495 | Schuttenhelm, Lisan | TW | 9,4 | 9,2 | 8,2 | 8,8 | 8,9 | - | 8,9 |
| 13 | 5829437 | Selbach, Tim | Duits | 6,4 | 4,8 | 4,0 | 6,3 | 5,4 | 7,4 | 7,4 |
| 14 | 5884896 | Veldhuis, Sanne | TW | 9,4 | 7,5 | 4,0 | 7,7 | 7,2 | 8,2 | 8,2 |
| 15 | 5921864 | Verwoerd, Suzanne | TW | 9,4 | 7,5 | 8,2 | 6,2 | 7,8 | - | 7,8 |

**Instr-I** Jam antaŭ la someraj ferioj registriĝis ses studentoj por la venonta kurso pri interlingvistiko. La enskribiĝoperiodo restos malferma ĝis la komenco de la kurso en septembro.

**NTU-E** La definitiva manuskripto kun pli ol 230 pruntaĵoj el la nederlanda en Esperanto estis liverita al la ĉefredaktorino en junio. NTU planas publikigi, ĉirkaŭ novem-

bro, la retan datenbazon, kiu celos unuavice esploristojn kaj kiu, kiel vivanta dokumento, estos daŭre ĝisdatigata. Samtempe devus aperi la libroforma resumo kiel ĝenerala konsultilo, respegulanta la staton de tiu ĉi momento. Ĝia titolo estos *Nederlandse woorden wereldwijd* kaj ĝi traktos 135 lingvojn tutmonde, en kiuj aperas nederlandaĵoj. WJ estas la redaktoro por Esperanto kaj la eŭska lingvo. Pli detalaj novaĵoj sekvos sendube en la oktobra numero de tiu ĉi bulteno.

**Daŭre atentindaj**

- La universitata kolekto pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estas trovebla sub: http://cf.uba.uva.nl/nl/. De la bonveniga paĝo alklaku 'UvA catalogus' kaj serĉu libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'. La paĝaro disponeblas ankaŭ kun instrukcioj en la angla lingvo.

**Aktualaĵoj**

- Ricevinte inviton de la Amsterdama liceo 'Comenius' por organizi deksemajnan serion da atelieroj pri Esperanto, kiu pro manko de tempo ne estis plenumebla en la origine proponita periodo antaŭ la someraj ferioj, ni restis en bonaj rilatoj kun la lernejo kaj interkonsentis pri la enhavo de tia atelieraro, realigebla dum la postferia periodo, ĉefe de Katalin Kováts kun subteno de WJ. La koncerna preparkunveno de la 1a de junio estis lastmomente nuligita de la lernejo pro perdo de la komunumaj subvencioj por ĉiuj lernejaj kromprogramoj, inter kiuj viciĝis ankaŭ la Esperanta.

- La studentino Manon Fleur, kiu en 2008 sukcese finis la kurson pri interlingvistiko, finverkis sian bakalaŭran disertacion sub la titolo *English and Esperanto: Two languages for international communication*. La 33-paĝa studo konsistas el sep ĉapitroj kun multaj referencoj al la kurso pri interlingvistiko, konciza priskribo de Esperanto kaj ampleksa pritrakto de enketo, kiun partoprenis multaj nederlandaj esperantistoj (Dankon al ĉiuj!). La enketo traktis la sintenon je la angla kaj je Esperanto inter esperantistoj kaj ne-esperantistoj. Entute 62 respondoj estis ricevitaj, el kiuj la plimulto, 38, venis de esperantistoj, ŝajne pli sentemaj je tiu ĉi temo. Ni provas akiri permeson por deponi la verkon ĉe GIL, sed ĉiuokaze ni revenos pli detale al la enhavo en la venonta numero de tiu ĉi bulteno.

- La 28an de majo la Babela Esplorgrupo de la universitato organizis Esperanto-duontagon. Kutime la grupo kunvenas por pli mallongaj sesioj, sed ĉi-foje la grupestro decidis dediĉi kompletan posttagmezon al la temo 'Esperanto', invitante tri membrojn de la grupo (Hans Erasmus, Nikola Rasič kaj WJ) prelegi pri iu aspekto de la lingvo aŭ kulturo. WJ enkondukis pri la lingvo mem, Nikola Rasič daŭrigis pri la movado kaj Hans Erasmus finis pri la politikaj aspektoj, kun propono pri tuteŭropa, interuniversitata studo pri la lingvoproblemo. La publiko estis malmultnombra, sed la grupestro antaŭvidas reveni al la temo dum la venontaj monatoj por pridiskuti konkretajn paŝojn.

- La kurslibro pri interlingvistiko, kiu maturiĝis de jaro al jaro kaj kiu estis vaste diskutata dum la CED/ESF-konferenco en 2008, estis prezentita al du profesiaj eldonejoj en Nederlando. La celo estis konsideri ĝian konverteblon en komercan eldonaĵon. Ambaŭ eldonejoj montris sin tre interesitaj, sed konsideras la nederlandlingvan merkaton tro malgranda por ĉi tia tasko. La verko, do, restos interna universitata dokumento por la

lastaj tri kursoj antaŭvidataj (unuasemestre en 2010-11, 2011-12 kaj 2012-13) kaj ne estos plu aktualigita.

- Progresas la preparlaboroj por artikolo pri nederlanddevenaj pruntaĵoj en Esperanto por faklibro. La plano restas, prezenti la manuskripton al la redakcio antaŭ la jarfino.

- Laŭ peto de la kuratoro de la katedro, prof-o Hengeveld, WJ preparas kontribuon pri Esperanto kiel ekzempla lingvo en kompara studo pri la gramatika fenomeno 'travideblo' (*transparency*) laŭ la perspektivo de la Funkcia Diskursgramatiko. La (anglalingva) studo, en kiu 4-5 aŭtoroj traktos ĉi tiom da lingvoj de tute malsamaj lingvofamilioj, aperos komence de 2011 kiel publikigo de ACLC, la esplorcentro pri lingvistiko de UvA. ACLC asignos siajn juĝlegantojn por anonima juĝado de la diversaj partoj de la manuskripto.

- WJ preparos germanlingvan prilaboraĵon de ĉi-supra studo por prezentado kaj diskutado dum la 20a jarkunveno de GIL en Berlino en novembro de tiu ĉi jaro.

- WJ membras en la doktoriga komisiono de f-ino Loulou Edelman, kiu planas doktoriĝi surbaze de sia disertacio *Linguistic Landscapes in the Netherlands. A Study of Multilingualism in Amsterdam and Friesland*. La 5an de junio okazis preparkunveno de la komisiono en Utrecht. La doktoriga ceremonio estos la 1an de oktobro en Amsterdamo.

- La 27an kaj 28an de januaro 2011 okazos internacia kaj interdisciplina konferenco en UvA, kunlabore kun la Instituto 'Huizinga' pri Kultura Historio, pri la temo *European Encounters. Intellectual Exchange and the Rethinking of Europe (1918-1945).* La (anglalingva) konferenco antaŭvidas programeron pri la kontribuo de la Esperanto-movado al la renasko kaj kultura renovigo de Eŭropo post la Unua Mondmilito. Pliaj detaloj sekvos en la oktobra numero de tiu ĉi bulteno.

- Pasintan jaron la asocio Esperanto Nederland kreis fondaĵon por kolekti monon cele al la ebligo kaj subteno de projektoj en la kadro de la katedro. Laŭ informoj ricevitaj dum la jarkunveno de la asocio en majo, kolektiĝis ĝis nun tia monsumo, ke oni povus ekpensi pri iu laŭcela utiligo. Fine de majo alvokoj estis senditaj al ĉiuj ĝisnunaj ekzamenitoj pri interlingvistiko kaj pri Esperanto, kiuj ankoraŭ studas ĉe UvA, al la esplorcentro ACLC kaj al la interdisciplina esplorgrupo Babela Eŭropo. Ilustrocele, la teksto de la rekta alvoko al la studentoj estas aldonita.

WJansen

Wim Jansen,
la 7an de julio 2010

31 mei 2010

Beste studenten,

Vorig jaar heeft de particuliere vereniging *Esperanto Nederland* een fonds ingesteld waarmee bijzondere activiteiten vanuit de leerstoel *Interlinguïstiek en Esperanto* financieel gesteund kunnen worden. Leden en niet-leden van deze vereniging kunnen hierin hun bijdragen storten, waarmee de leerstoel dan extra onderzoek kan stimuleren.

Inmiddels is er in dit fonds wat geld verzameld waarmee inderdaad iets gerealiseerd kan worden. Ik denk dan in het bijzonder aan BA- of MA-scripties met enig veldwerk of bibliotheek- of archiefbezoek, waaraan kosten verbonden zijn. Er is bij de studie van het Esperanto een enorme behoefte aan onderzoek naar alle aspecten van het functioneren van de spreektaal. Dit brengt reiskosten met zich mee. Maar ook taalhistorisch of literatuuronderzoek is mogelijk, en er zijn rijke bibliotheken en archieven, niet alleen in het nabije Den Haag en Rotterdam, maar ook in Frankrijk, Zwitserland en Oostenrijk.

Deze mededeling gaat in de eerste plaats aan de studenten die bij mij interlinguïstiek en/of Esperanto hebben gedaan, omdat jullie per definitie het best gekwalificeerd zijn voor het hier bedoelde werk. Wie belangstelling heeft, of al een idee heeft, bespreek dit binnen je eigen afdeling en neem dan contact op met mij. De beheerders van het fonds stellen geen eisen of voorwaarden; die worden alleen gesteld door je eigen afdeling en door ondergetekende.

Vanaf nu zal ik een oproep als deze tweemaal per jaar laten uitgaan, in de eerste plaats aan de studenten in mijn adressenbestand, maar ook aan andere belanghebbenden aan de UvA.

Vriendelijke groet,

Wim Jansen
wimjansen@casema.nl of
w.h.jansen@uva.nl